# AFRIKA REVUO

## JAM DENOVE HAVEBLAJ

| | francs |
|---|---|
| MARIA KAJ LA GRUPO : Emba | 150 » |
| Lingvo, stilo, formo Kolocsay | 81 50 |
| Strečita Kordo » | 163 |
| Eterna Bukedo : | 326 |
| Tragedio de l'Homo : ........................... | 136 |
| Infero Dante, trad. : bind........................ | 340 |
| Arthistorio I : | 381 |
| Parnasa Gvidlibro | 136 |
| De paĝo al paĝo : Tarkony bind.............................. | 163 |
| Dekdu poetoj : Kolocsay ............................. | 163 |
| Fine mi komprenas la radion | 190 |
| Cezaro : Rotkvič ............................................ | 367 |
| Cehoslovaka antologio : Kamaryt | 544 |
| Romano de San Michele .......................................... | 367 |
| Verkaro de Fez Wiesenfeld | 272 |
| Rigardu la teron : Van Loon | 544 |
| Ora libro de la Esp.-Movado ................................. | 136 |
| Arĝenta Duopo, jubilea libro I | 177 |
| Muziknotoj de la II-Vol. kantoj | 68 |
| Svisa antologio : Baur, bind. | 636 |
| Rimportretoj : Kolocsay | 54 |
| El la Verda Biblio, bind. | 95 |

**MENDU ĈE NIA LIBRO-SERVO**

LA SOLA ESPERANTO-GAZETO
APERANTA EN AFRIKO

**Paraît mensuellement**

**3-a JARO (Nova Serio) 4-5N°**
**APRILO-MAJO 1947**

REDAKCIO kaj ADMINISTRACIO de :

# AFRIKA REVUO

Maroko, Casablanca, 5, rue Savorgnan de Brazza

Ĉef-redaktoro S-ino Irène FINK Administranto Y. LEAL

(Manuskriptoj akceptitaj de la redakcio, fariĝas propraĵo de la revuo. Se oni deziras la' resendon de neakceptitaj manuskriptoj, aldonu 1 int. resp-kupo non.

---

## PAG-TABELO.

La abonkotizo por unu jaro 6 ang. ŝil., 15 internaciaj poŝtaj respond-kuponoj; aŭ egalvaloro en aliaj valutoj. La monon se eble, sendu direkte je la nomo de nia ĉef-redaktorino. Francaj samideanoj, kiuj posedas poŝtĉekkonton, pagu je nia poŝtĉekkonto nº 111.75 Rabat (Fink) aliaj per simpla poŝtmandato. El landoj, et kiuj oni ne povas sendi nek monon, nek respondkuponojn pagu al ĉef-delegito de IEL en via lando (tabelo en 2-3 NO de A.R. 30 paĝo).

---

## LIBRO-SERVO de A. R.

liveras ĉiujn librojn haveblajn je Esperanto-merkato.

Konsultu niajn libro-listojn nº 1 kaj 2 en antaŭaj numeroj de A.R.

Libro-sendo-kondiĉoj

Kun la mendo bv. sendi koncernan monon.

Pagu per mono papera, sendebla en letero, per internaciaj poŝtaj respondkuponoj aŭ rekte je nia poŝtĉekkonto no 111.75 Rabat (Fink).

Aldonu 20 % por sendkostoj. La intern., poŝtaj resp. — kuponoj; devas esti ĝuste stampitaj de via poŝtoficejo. Pro ofte ŝanĝataj kursoj, ni donas la prezojn en angla monsistemo 1 ŝilingo 12 pencoj, 20 ŝil : 1 funto.

NI RESPONDECAS NUR PRI REKOMENDITAJOJ.

---

## LIBRO-LISTO Nº 3 :

| | | |
|---|---|---|
| Leteroj al juna poeto : Rilke | fr. | 68. — |
| Tri homoj en boato : Jerome | | 190. — |
| Amo de Toojuuro Kikuĉi | | 54. — |
| Baksis Nevell | | 163. — |
| Tur-strato 4 : Weinhengst | | 150. — |
| Kvara Rapsodio Szilagyi | | 90. — |
| Premitaj Romanetoj | | 90. — |
| Antonio kaj Kleopatro Sekspir | | 90. — |
| Vivo vokas Engholm | « | 194. — |
| Fanny' vivo en Usono bind. | | 5. — Ŝ |

## ĈU VI LEGIS JAM :

verkojn en Esperanto, kiel

Dr. DORNER, pri arta gravedigo de virino 208 paĝojn broŝ. 8 Ŝ.

H.C. ANDERSEN : la vivo kaj verkoj de mondfama verkisto, kun ilustrajoj. 63 paĝojn 2.30 Ŝ

LA FORTO DE L'VERO temas pri internacia Esperantista vivo 64 paĝojn 3 Ŝ.

LA PASTRO EN VEJLBYE, interesa libro 48 paĝojn 2. Ŝ. 3, P.

OKAZAS NENIO. Facila legolibro rakontas pri la tempo dum la germana okupado de Danlando 63 paĝojn Ŝ. 2. —

SURPRIZOJ interesega libro 208 paĝojn broŝ. Ŝ. 3. 6. p.

SYNNOVE SOLBAKKEN( rakonto pri knabino 96 paĝojn broŝ. Ŝ. 2. —

ĈU VI DEZIRAS KORESPONDI ? Libreto enhavanta praktikajn informojn por korespondemuloj broŝ. 6 p.

PRI BREDADO DE ABELOJ, bela faklibro kun 100 ilustrajoj 102 paĝoj broŝ. Ŝ. 5. —

PLI OL FANTAZIO, vere interesa legaĵo broŝ. Ŝ. 3. 9 p.

Mendu tiuj librojn. ĉe nia libro-servo. Ekspedo efektivigata saman tagon post la ricevo de mendo.

**AFRIKA REVUO**

**Esperanto-gazeto por ĉiuj**

# KORANO

## La sankta libro de islamanoj. de Prof. L. A.

Bedaŭrindaj kaj oftaj estas la miskomprenoj de multaj ne-islamanoj pri la islama religio.

Ĉiuj eŭropaj tradukaĵoj de Korano, surhavas sur la kovrilo kiel titolon, malsupre de la vorto « Korano », la nomon Mahometo, kaj multaj miskomprenas, ke Mahometo estas la verkisto de Korano.

Tiu estas erarego, monstra herezo, laŭ la islama vindpunkto.

Por islamanoj, de ĉiam Korano estis skribita en la ĉielo sur « la bone gardita tabulo ». Allah (Dio) revelaciis ĝin, pecon post peco al sia profeto Mahometo, ĝenerale pere de la ĉefanĝelo Gabriel. Dum tiuj revelacioj, krizo de ekstazo atakis Mahometon, kiun laŭ antikva kutimo oni envolvis en lian mantelon. Post la krizo la profeto proklamis la Diajn parolojn.

Dum la vivo de Mahometo la tuta Korano ne estis skribita, ĉar en tiu tempo, dum la sepa jarcento, tre malmultaj estis araboj, kiuj scipovis skribi. Nur kelkaj kleruloj skribis iujn partojn sur ledo, kamelaj skapoloj ktp. La sankta libro estis konservata nur en la memoro de la fideluloj, sed kvankam araboj tre bone scipovis uzi tiun ilon la memoro, ĝi ne sufiĉis.

Tuj post la morto de Mahometo (632) oni konsciis pri la danĝero de tiu agmaniero, kaj Abu BERK, la unua ortodoksa kalifo, redaktis la unuan Koranon, kiu estis konservita en lia familio.

Nur poste oni rimarkis multajn gravegajn diferencojn inter la recit-manieroj de fideluloj, kiuj nur memore, parkere, konservis la sanktan tekston.

Paranteze ni devas aldoni, en tiu epoko, araboj skribis nur la konsonantojn, sed ne la vokalojn. Plie la punktoj (super, aŭ sub la arabaj literoj) ankaŭ ne estis skribitaj. Kaj tamen tiuj punktoj havas grandegan gravecon. Ekzemple unu sama litero laŭ la nombro kaj la pozicio de punktoj povas montri ĉu la BO, ĉu la CO, ĉu la TO, ĉu la NO, ĉu la I.

Do, Othman, la tria ortodoksa kalifo, vidinte tiujn ŝanĝojn en la legado de la sankta libro, starigis komisionon por redakti la definitivan tekston, kaj tiu teksto estis konservata ĝis nun. Ĉiuj aliaj koran-tekstoj estis neniigitaj de Othman.

La marokaj kleruloj asertas, ke la fama biblioteko « El-Karaŭijine » en la urbo Fez, jam posedis Koran-ekzempleron skribitan per la mano de Othman mem.

Korano konsistas el cent dek kvar ĉapitroj. La unua estas la "Fatiha » (malfermanta la libron). Ĝi estas tre mallonga enhavanta tridekon da vortoj kaj estas tre ofte recitata de islamanoj. Ĝi estas komparebla kun Nia Patro preĝo de kristanoj, aŭ kelkfoje kun la krucsigno.

La sekvantaj ĉapitroj estas ordigitaj laŭ la longeco la plej longa estas la dua kaj la plej mallonga estas la cent dekkvara ĉapitro

Arablingve Korano » signifas legadon, la plej bonegan legadon.

Kiam islamanoj parolas pri Korano, ili ĉiam diras « la Gravega Korano kiel la kristanoj diras « La Sankta Biblio ».

Korano estas la parolo de Allah, oni do rajtas ripeti ĝin nur arablingve kaj sekve traduki ĝin estas herezo, kvankam hodiaŭ oni renkontas kelkajn progresemajn islamanojn, kiuj asertas, ke oni rajtas ĝin traduki. Ĉio ŝanĝiĝas, ĉio moderniĝas, eĉ la religioj !

Do, ĉiuj islamanoj eĉ se ili estas ĉinaj, japanaj aŭ amerikanaj, devas legi kaj lerni parkere Koranon nur arablingve. Sekve, Korano estas mirinda disvastigilo de la araba lingvo.

Nune, aŭ almenaŭ antaŭ la milito, Islamo estis inter ĉiuj religioj tiu, kiu pleje disvastiĝis tra la tuta mondo. Kontraŭe, la klopodoj de kristanaj misiistoj en Maroko estas absolute vanaj.

Korano estas la leĝoj de ĉiuj islamanoj, oni devus do, almenaŭ iomete, scii kion ĝi enhavas, precipe tiuj, kiuj kontaktiĝas kun islamanoj. Kaj eĉ tiu supraja scio certe evitos ofendetojn, miskomprenojn kaj eĉ malamikecojn.

Alian fojon, se tio plaĉas al Dio, kiel ĉiam diras islamanoj parolantaj pri estonteco, — ni parolos pri ĝia enhavo.

Ni aldonu, ke ĉiuj eŭropaj koranaj tradukaĵoj, ne estas tute senerararaj kaj multaj el ili ne montras la koranan poezion kaj estas tre pezaj.

Ni do deziru, ke tagon esperantista islamano, liveru al la mondo agrablan kaj fidelan tradukaĵon.

# LA CIGANOJ

Hindujo ŝajnas esti la origina hejmo de ciganoj. Ilia lingvo, latinida, estas unu el nombro de hindaj dialektoj, kiu devenas de la sanskrito, la parolo de la arja invadinto de la kontinento. Tiel la ciganoj estas certe arje-parolanta popolo, sed laŭ-rase estas pli verŝajne, ke ili apartenis al la Dravidaj enloĝantoj, kiujn la Arjoj trovis en Hindujo kaj sklavigis. Estis certe en la kelkaj unuaj jarcentoj de la Kristana erao, ke la ciganoj forlasis sian hejmlandon, ĉar ili alvenis jam al la Bizantina imperio de la 11-a jarcento. Monaĥo de monto Athos rilatiĝas al ili en la jaro 1100 a.K. Plue li priskribas ilin kiel grandajn magiistojn evidente kunligitaj kun la diablo.
En balkanaj landoj ili restis dum du aŭ pli da jarcentoj, laŭgrade adaptiĝante al nombro de metioj kaj enmiksante konsiderindan nombron da grekaj kaj slavaj vortoj en sian lingvon, dume ili pruntis ankaŭ multon de la religiaj kredoj kaj kutimoj de siaj ne-latinidaj najbaroj.
Sajnas, ke ili tute perdis la religion (se ili havis iun), kiun iliaj praulojn kunportis de Hindujo. Tiel komplete ili establiĝis en la Balkano, ke estas multaj homoj, kiuj konsideras ĝin kiel ilian originan hejmlandon.
Car la Ciganoj fariĝis pli kaj pli multnombraj, la bizantinaj nobeluloj ekprovis sklavigi ĉi-tiun popolon, kiu neniam konis sklavecon, sed vivis tiel libere, kiel la birdoj en la aero. Tutaj triboj estis devigitaj establiĝi sur la grandaj bienoj kaj estis okupitaj en diversaj profesioj, kiel ligno-fendistoj en la arbaraj regionoj, au ministoj en Transilvanio kaj eĉ kiel kuiristoj kaj fiegistoj en la noblaj mastrumoj. Ciganoj restis fakte sklavoj en Rumanujo ĝis la mezo de la 19-a jarcento. Tamen ĉe iuj ciganoj de la 13-a jarcento, la instinkto por libereco estis ankoraŭ tre forta kaj ne permesis al ili submetiĝi al sklaveco. Ili forkuris kaj rifuĝis al la grandaj montaroj, dispartiĝinte je bandoj de diversaj ampleksoj, elektante ĉefojn, kiuj kondukis ilin al elrab-ekspedicioj proksime kaj malproksime. En konstanta danĝero de ekzekuto, se kaptitaj, la ciganoj entenantaj ĉi-tiujn proskripciitajn bandojn fariĝis spertaj ŝtelistoj kaj estis ĉiujare plenaj je pligrandiĝanta malamo al la aŭtoritatoj, kiuj persekutis ilin. Ce la fino de la 14-a jarcento, la kondiĉoj fariĝis evidente tiel malbonaj, ke la ciganoj ekkomencis invadi okcidentan Europon. Gviditaj de ĉefoj, kiuj kondutis kiel grandaj feŭdaj lordoj, kiam ili intertraktis kun oficialuloj de la diversaj vizititaj urboj, la ciganoj ŝtelis dekstre kaj maldekstre. Kvankam la ĉefo povis halti ĉe la plej bona loko, kiun la urbo prezentis kaj estis servita de paĝioj, kondukantaj liajn hundojn kaj portantaj liajn akcipitrojn sur siaj brakoj, lia sekvantaro ne estis tiel impona, kiam ĝi kampis ĉe la pordegoj de la urbo. La ĉefo, parenteze rimarkite, montris ĝenerale papan « bullon (plej verŝajne falsitan), alvokantan » ĉiujn kristanajn princojn helpi lin, ĉar li kaj lia sekvantaro estis piaj pilgrimoj, kiuj estis elpelitaj el Egipto de la Turkoj. « Tiel ekestis la ideo, ke la brunaj fremduloj estis « egiptanoj ».
Ili vizitis Hildesheim en 1407, Bolonjon en 1422 kaj Parizon en 1427. Ce la fino de la jarcento ili estis jam sur la Britaj Insuloj kaj Hispanujo, kaj la komenco de la 16-a vidis bandojn en Skandinavujo kaj Finlando. Europo estis invadita de ili kaj malagrablaĵoj rapide elkreskis por la nomadoj. Dume plej multaj de la aŭtoritatoj estis trompitaj per papaj bulloj kaj elokventaj langoj de la ciganaj grafoj kaj dukoj estis nur post mallonga tempo, kiam plendoj ekkomencis veni de ĉiu flanko pri la kondutoj de la ciganoj, ke leĝoj ekaperis, kiuj pritraktis ilin. La punoj pligrandiĝis, ĝis fine la kulmina punkto estis atingita en la Dekreto de Vilhelmo Frederiko de Prusujo, deklaranta, ke ĉiuj ciganoj, kiuj transpasas prusan teritorion devus esti pendotaj. Estas nature klare, ke la nura tia, leĝdono pruvis, ke la antaŭaj leĝoj kontraŭ ili, estis senutilaj. Kio ĝenerale okazis estis tio, ke kiam ili eltrovis la ekzisteco de iu leĝdekreto koncernanta ilin, la ruzaj ciganoj transiris la limon al najbara reĝlando. Centra Europo speciale estis plena de malgrandaj sendependaj ŝtatoj. Akto de Vilhelmo Frederiko estis dekretita en 1725, tiel ke, depost

ĉirkaŭ 3 jarcentoj la diversaj registaroj kondutis tiamaniere, ke ili pelis la ciganojn en staton de ĉagreniga malespero. La ciganoj restis ankoraŭ ĉiam, kiel ili estas ĝis hodiaŭ, por homoj, kiuj fakte konas ilin, eksterordinare aminda popolo de sufiĉe infaneca naturo. Nur kiam ili estas persekutataj, ili fariĝas danĝeraj. Cion, kion li deziras estas : vivi en paco laŭ sia propra vivmaniero, kiel liaj praavoj vivis antaŭ li.

En 1761 la imperiestrino Maria Theresia de Aŭstrujo inaŭguris pli ĝentilan sintenon kontraŭ la ciganoj. Si provis krei koloniojn, kie ili provis esti instruataj pri agrikulturo kaj tiel plu. Kvankam ŝia eksperimento ne estis granda sukceso, aliaj registaroj tuj sekvis kaj la malnova punlego fariĝis plejparte afero de la estinteco.

Ankaŭ je la fino de la sama jarcento, la germano Grellman publikigis libron pruvante la hindan originon de cigano kaj filologoj tra tuta Eŭropo ekinteresiĝis pri ĉi-tiuj ĝis nun malŝatitaj fremduloj. La novelistoj kaj teatrajverkistoj de la periodo komencis enkonduki pseudo-ciganajn karakterojn en siajn verkojn kaj la artistoj komencis egale ornami siajn pejzaĝojn per plej nekredeble-aspektantaj ciganoj. Fakte iuj de la artistoj alprenis senzorgan viv-specon, kiun ili nomis « Bohemian » (la franca esprimo por cigano). Ankaŭ la kantoj ekkomencis glori la liberan kaj gajan vivon de cigano sub la verdarbaraarbo.

La ciganoj sentis nun ĝenerale pli amikan atmosferon kaj liberiĝante iomete de sia prapatra malkonfido kontraŭ ĉiuj domloĝantoj ili ekloĝis je la periferioj de la eŭropaj urboj. Estas vere, tre malmultaj el ili alkutimiĝis iam al vivo en domo, sed iliaj infanoj ekkomencis miksiĝi kun tiuj de la ordinaruloj de la malriĉul-kvartalo kaj sufiĉe multe el la rasa ekskluziveco de ciganoj malaperis. Nur tre malmultaj de la neŝanceleblaj inter la nomadoj persistis ankoraŭ en migrado cirkaŭ la regiono. La posteruloj de ĉi-tiu popolo ekzistas ĝis ĉi-tiu tago, kaj povas eble esti priskribataj kiel la nuraj realaj restintaj ciganoj. Ili vizitas ĉiujn merkatojn al ili disponeblajn kaj iliaj virinoj povas esti vidataj ankoraŭ, migrantaj de pordo al pordo kun korboj kaj ofte bebo envolvita en ŝalo trans iliaj dorsoj. Ci-tiu popolo restas malofte dum longa tempo. Tuj kiam la printempa suno ekbrilas ili estas denove survoje en siaj gaje-pentritaj veturiloj. Kutime ili flue parolas sian propran specon de cigana lingvo kaj ili ĵaluze gardas siajn sekretajn kutimojn de la eksterulo. Konduto al ili ĝentile kaj konsidereme kaj ili kondutos al vi sammaniere.

Depost ĉirkaŭ la mezo de la lasta jarcento ĝis la komenco de la dua mondmilito, ciganoj ekkomencis individue kun sukceso invadi ĉiujn profesiojn. Doktoroj, advokatoj, inĝenieroj, artistoj, eĉ pastroj estis trovitaj inter ili. En la kampo de amuzado ciganaj dancistoj kaj muzikistoj gajnis ankaŭ rangon en Hispanujo, Hungarujo, Rumanujo kaj ĉie, kie ekzistis forta muzika tradicio inter la popolo.

Kontraŭ la ĝenerala kredo, la cigano ne figuras larĝe el la analoj de krimo kaj pli ol unu polic-organizo raportis « ke la grandaj krimuloj estas malofte trovataj inter ili ». Plej multaj el iliaj deliktoj-nature kun la esceptoj de trompetoj-estas pli skandalo ol alia.

Jus antaŭ la milito la pli progresemaj landoj elprovis diversajn metodojn por adaptiĝi la ciganojn en la modernan vivon. Lernejoj provizitaj kun instruistoj saturitaj per cigana instruo estis malfermitaj, gazeto en cigana lingvo estis publikigita en Jugoslavujo, kaj en Moskvo ekzistas vera teatro kun ciganaj aktoroj, ludantaj teatrajojn en cigana lingvo por cigana aŭskultantaro. Ĉiuj tiuj metodoj, kiuj estis fonditaj de homoj, kiuj komprenis la ciganan mentalecon, donis bonajn rezultojn.

Ciganoj aktive partoprenis la militon. Ili identiĝis kun la rezist-movado en ĉiu lando, kaj pli ol unu forkurinta militkapito havis kaŭzon por danki al sia cigana gastiganto, kiu transdonis lin de unu kampo al alia ĝis li atingis neŭtralan landon. La germanoj venĝis sin sovaĝe. Nur dum unu nokto en Aŭschwitz estis mortigitaj 11.000 kaj alle estis ankaŭ grandegaj oferoj. El la proksimume miliono kaj duono de ciganoj en Eŭropo antaŭ 1939, restis nur fragmento.

D-RO A. MILDWURF
Londono.

# La SKLAVINO de SOFOKLEO

**Balado el la antikva Grekujo**

En la urbo de Ateno
festis tuta loĝantaro,
flagis ŝipoj en haveno,
floroj en knabina haro —
grandpotenca, vi Diino,
tag' naskiĝa via venis !
Kaj denove la filino
de l'ĉiel' la landon benis.

Tra la stratoj, tra la placoj
pia procesi' pilgrimis ;
en kabanoj, en palacoj
diojn oni altestimis.
Kaj plej bela virgulino
brodis per lertecaj manoj
la mantelon de l' Diino —
kantis himnojn la infanoj.

La standardoj sur kastelo
flugis en varmeta vento —
sunradioj — ŝipa velo —
fremdular' el oriento —
ĉie ĝoj' kaj harmonio,
jen, subite nur teruro —
malbendiroj kaj ekkrio —
krim' interne templa muro !

Sur mantelo de l'Diino
laŭordone la bildeton
brodu vi nun, virgulino
Sofoklean la portreton !
Li, la granda vir'· Atena
venkis per teatra kanto —
sed ŝi brodis dum serena
nokto bildon de l'amanto !

Antaŭ la juĝistoj staris
la knabino en katenoj —
ili la verdikton faris —
post kruelaj ekzamenoj
« Vi ofendis la Diinon —
malhelpita la honoro
de l'poeto. Vin sklavinon
prenu li en nuna horo »

Sofokleo granda homo,
post ĝojega nokta festo
viglis en la hejma domo —
en pokal' jen vina resto !
Antaŭ li la virgulino,
alte frapis lia koro :
ĉar ŝi estos la sklavino
kaj li mem nun la sinjoro !

Belulinon ĉirkaŭbrakis
la poeto, ho, kisante,
dum patrono ŝin atakis,
ŝi petegis, balbutante :
« Min protektu via domo,
stupru ne la virgulinon —
kredu mi al nobla homo,
kiu kantis la Diinon ! ».

Sofokleo vortojn aŭdis,
pripensinte en la koro,
la knabinan honton laŭdis
respondante la sinjoro
« Vi ne timu, etulino,
jes, mi vin protektos certe,
loĝu tie ĉi, knabino,
ne sklavin', kaj brodu lerte !

Brodu novan nur mantelon
de l'Diino de Ateno —
kantos oni la fabelon
en la urbo, en haveno !
Jes, vi perdis la amanton
en milito lasta sklavon,
min elektis komandanton
ili kontraŭ sangan glavon,

sangan glavon de ribeloj —
por Aten' baldaŭa venko ! —
flugu vi, ŝiparaj veloj,
remu, sklavoj, sur la benko !
Mi revenos en la gloro
post la fino de l'milito —
kaj en tiu bela horo
li returnos, la kapisto ! ».

E. J. Görlich.

# AŬSTRIO.

En monatoj de septembro ĝis novembro Aŭstrio festis la 950an datrevenon de sia naskiĝtago. En la jaro 996a de nia ero la nomo « Aŭstrio » en la malnova formo de « Ostarrichi » (=lando al oriento) estas nomita en dokumento. La frazoj en ĉi tiu dokumento diris nin, ke la nomo « Aŭstrio » ne estis inventata de imperiestroj aŭ landestroj, sed ke ĝi estis nomo popolema, kiun oni konis tiam jam longtempe. Estas nur hazardo, ke la nomo « Aŭstrio »

unuafoje estas nomita en ĉi tiu jaro ekzistas certe jam multajn jarojn pli frue !

Se la hodiaŭa Aŭstrio festis ĉi tiun datrevenon, tiam ne nur kaŭze de ĉi tiu datreveno, sed en la memoro, ke la nomo de nia patrujo dum la lastaj jaroj malaperis el la mondo. Kiam la Germanoj okupis Aŭtrion, unu el la unuaj leĝoj de la okupantoj estis, malpermesi la nomon « Aŭstrion ». Kial ? demandas la sciema fremdulo. Se Aŭstrio estus germana lando, kiel la germanfaŝista propagando ĉiam diris, tiam ne estus necesa, ke la nomo « Aŭstrio » malaperu. Sed la Germanoj sciis, ke Aŭstrio, la lando kaj la popolo, estis iom alia kaj diferenca de la Germanujo. Certe, la Aŭstroj parolas skriblingvon, kiu estas la sama kiel la skriblingvo en Germanujo kaj — en Svisujo ! La aŭstra dialekto, la popollingvo de la Aŭstroj estas tre, tre diferenca de la popollingvoj en Germanujo kaj ankaŭ en Svisujo. En Aŭstrio oni konas vortojn kaj frazojn, kiujn la Germanlandano ne komprenas. Kaj ĉefe ! La sama skriblingvo ne estas kaŭzo. ke Aŭstrio devas esti parto de Germanujo. Ankaŭ la Usonanoj kaj la Angloj uzas la saman skriblingvon, kaj ambaŭ du popoloj estas samstaraj nacioj ! Ankaŭ la Sviso deklaras jam delong tempe, ke li estas ano de la Svisa nacio. Ankaŭ Aŭstrio havis historian evolucion diversan de la evolucio en Germanujo. Estas historia fakta : kaŭze de la jarcentoj de ĝia historio la popolo de Aŭstrio rajtas esti nacio. Dum la festoj en ĉi tiuj tagoj de la 950a datreveno de la naskiĝtago de la nomo « Aŭstrio » la prezidanto de la aŭstra republiko, doktoro Karl Renner, deklaris, ke la popolo de Aŭstrio estu « nacio en internacia formato » kaj la ĉefministro inĝeniero Leopoldo Figl konstatis, ke Aŭstrio ne estu « alia » aŭ « dua » germana ŝtato, sed nur la ŝtato de la aŭstra popolo !

Eble multaj legantoj ekmiros je ĉi tiuj rimarkoj. Ree estis la germana propagando en la mondo, kiu malhelигis la veran bildon de nia patrujo. Nature ekzistis Aŭstroj, kiuj volis esti germanoj. Ekzistis malgranda rondo de gehomoj, kiuj ne ekkonis la veran historian portreton de nia lando. Sed la granda aro de la popolo ne apartenis al ĉi tiuj rondetoj. En la lastaj monatoj oni vidis en Wien'o ekspozicion nomitan « forgesu neniam ! ». Ci tiu ekspozicio montris la kruelajn aferojn de la faŝista reĝimo en Eŭropo. Kaj en ĉi tiu ekpozicio oni povis ekkoni, kiel Aŭstrio batalis kontraŭ siaj kontraŭuloj multaj Aŭstroj estis anoj de la armeoj de la aliŝtaj nacioj, multaj Aŭstroj mortis en la malliberujoj kaj je la pendigiloj de la « Tria Imperio », ĉar ili volis esti Aŭstroj kaj amikoj de la pacema mondo kaj ne Germanlandanoj kaj anoj de rasaj kaj kruelaj teorioj. Aŭstrio ekkonadis sin en la ok jaroj de la fremdlanda reĝimento.

En la vasta mondo oni ne scias bedaŭrinde la tutan historion de Aŭstrio. Oni konas Tirolion kaj Wien'on, oni aŭdis pri la festludoj en Salzburg-eble vi scias ankaŭ, ke Mozart, Schubert, Haydn kaj Beethoven estis Aŭstroj kaj ne Germanoj. Sed kiu el la legantaro scias, ke Aŭstrio jam en la 1156a jaro ricevis statuton, laŭ kiu nia patrujo estis memstara kaj independenta lando ? Kiu scias, ke Aŭstrio havis demokratajn leĝojn en la mezepoko, ke la aŭstra vilaĝano ankaŭ en ĉi tiuj fruaj tempoj ne estis servutulo kiel en aliaj landoj ? Kiu el vi scias, ke en la 17a jarcento la suprenaŭstra vilaĝano Stefano Fadinger bataladis kaj mortis en la milito kontraŭ la Bavaria okupacio, por ke Suprenaŭstrio returnu al la aŭstra stato. Car en la komenco de la tielnomita tridekjara milito (1618-1648) la imperiestro Ferdinand II. lombardis Suprenaŭstrion al Bavario pro manko de mono. Kaj ĉu vi scias, ke la plej granda poeto de Aŭstrio, Franz Grillparzer, kiu mortis en 1872a jaro, jam dum la franca-germana milito de 1870-71 deklaris : « Mi ne estas Germano, mi estas Aŭstro », kaj li kontinuis per la vortoj : « Mi bedaŭras la estonton de Aŭstrio — mi ne volas simpatii kun Prusio — Francujo estus por Aŭstrio pli bona aliancano ol Prusujo ».

La nuna Aŭstrio volas la pacon kaj la kvieton. Ĝi serĉas amikojn en la vasta mondo kaj ĝi volas ankaŭ labori por la paco kune kun la aliaj nacioj. Ankaŭ se la Aŭstro volas esti Aŭstro, li kredas al la kunlaborado de ĉiuj popoloj kaj pro tio li neniam estos ŝovinisto. Tiaj estas la pripensoj de Aŭstro dum la semajnoj, en kiuj oni festis la naskiĝtagon de lia patrujo.

Dr. E. J. Görlich.

# TRA LA GAZETARO.

de L. Rodo

HEROLDO, (14-4-46) anoncas la morton de fama verkisto : « *En Parizo, ĝi skribas, forpasis en la aĝo de 80 jaroj Georges DUHAMEL kies « Rakontoj pri Nederlando » aperis en la Esperanto-tradukō de nia franca samideano Roland DUPUIS* ». Krom tio kaj feliĉe Georges DUHAMEL fartas tre bone, kaj nuntempe li ĵus vizitis Marokon. Cetere estante membro de la Franca Akademio ĉu li ne estas « senmortulo » ?

INTERNACIA KULTURO, (Nov. 46) publikigas interesan artikolon de D-ro Ivo LAPENNA pri la neŭtraleca pozicio de I.E.L. koncerne la nazistajn krimojn, kaj li diras : « *Esti neŭtrala rilate la politikajn partiojn I.E.L. povas kaj devas laŭ sia statuto, Pri tio ne temas. Sed esti neŭtrala rilate la krimon signifas en la konkreta okazo, certe neintence, solidarigi kun la krimulo. Tial nomi la faŝismon « politika partio » por pravigi la « neŭtralecon » signifas, provoki la paciencon de ĉiuj kiuj sur siaj dorsoj spertis metodojn de tiu « politika partio* ».

SVISLANDO VOKAS VIN (Dec. 46) donas la unuan liston de la kongresistoj al Bern, 22 gesamideanoj aliĝis. El kiuj nur 6 francoj. Verŝajne pro la malalta valuto de la franko, malmulte de francoj povos pagi al si la vojaĝon al Svisio. Post la lingvo-barilo la mono-barilo !!!

Kh. HEROLDO (1.1.47) tre interesa artikolo de S-ro AZORIN pri « interjekcio ». Kiel li tre ĝuste diras : « *La interjekcio estas la vigla elemento kiu kolorigas la paroladon. Lingvoj vivas plene, kiam ili estas riĉaj je interjekcioj* ». Bedaŭrinde nia Esperanto ne estas riĉa je tio, tre ofte la tradukisto estas embarasata por trovi ekvivalenton al naciaj interjekcioj. Jam ni konas « Fulmotondron », kiun, se mi ne eraras, forĝis nia bedaŭrata samideano LANTI. S-ro AZORIN Citas kelkaliajn insultemajn interjekciojn : « Ulaĉo », « Struto », « Kumino »!! Ni scias ke la struto estas konsiderata kiel malinteligenta birdo, sed ni ne bone vidas kial kumino, tiu umbelaco kies semoj, laŭ la Plena Vortaro, estas uzataj kiel spicaĵo, estas insulta, ni ĝenerale uzas ĝin por aromogi la Munster'an fromaĝon.

S.A.T. AMIKARO (1.2.47) sciigas nin pri malĝoja novaĵo. Euĝeno LANTI mortis, Estas unu el niaj plej lertaj stilistoj kiu malaperas. Pioniro de Esperanto li multe vojaĝis pro kaj per Esperanto. Li vizitis Hispanion, Portugalion, Rusion, Aŭstralion, li longe restadis en Japanio kaj fine mortis en Meksiko. Li kunlaboris kaj gvidis « Laborista Esperantiston », « Sennacia Revuon ». Li eldonis tiun viglan kaj kuraĝan revueton « Herezulo ». Li publikigis diversajn verkojn kiel « For la Neŭtralismon » « Vortoj de Lanti », « Skizo pri filozofio de la homa digno », Leteroj de Lanti » k.t.p. Li tradukis « Kandid » de Voltaire. Ni ŝuldas al li la iniciativon de la « Plena Vortaro ».

Libera kaj sendependa saĝulo, liaj verkoj estas ofte profetaj li antaŭdiris la mondmiliton. Estas gravega perdo por la tuta Esperanto-movado.

RENOVIGO (1.1.47) ĵus publikigis lian lastan artikolon « Mi fariĝas imperialismema » kiu estas kvazaŭ lia spirita testamento. LANTI ŝajnas seniluzigita pri la fina triumfo de Esperanto fare de la proletaro li skribas « *Mi riskas diri ke la proletaro kiel tuto, ne konsistigas progresigan faktoron en la proceso historia... Mi amare alvenas al la konkludo ke la nura faktoro efike unuiga sur la socia kampo estas imperialismo,... tial mi nun emas krii « Heil » Stalin. Ĉe la penso ke la ruĝa armeo eble unuigos Eŭropon* ».

Tre ofte LANTI kritikis la « ruĝan faŝismon », tamen nedubeble ke nia Kamarado-Imperiestro Staline povus, se li bonvolus, kiel diktatoro, doni gravan impulson al nia afero.

Alia pioniro forpasis F-ino Caroline OXENFORD, fondinto de la Vagabonda Klubo en Brighton, asocio de Esperantaj pentristoj, literaturistoj kaj aliaj artistoj. Ŝi kunlaboris al « Tra la Mondo » kaj tradukis la « Libro de la ĝangalo » de Kipling. Ĉefredaktorino de la « Vagabondo » organo de la klubo, unua kaj ununura artista gazeto kiu iam aperis en Esperantujo ĝis 1914.

## ATENTU !

NI SENDAS LA NUNAN NUMERON AL ĈIUJ NIAJ ABONANTOJ, kiuj pagis ilian abonkotizon por 1946, kaj ni petas, ke ĉiu ricevinto sciigu nin, ke li konsentas aboni ankaŭ en 1947 jaro. En la okazo de ne sciigo, ni konsideros lian silenton kiel KONSENTON.

## PENSOJ

Socio, kiu permesas la mizeron, homaro kiu ebligas la militon, estas laŭ mia opinio senvalora socio kaj senvalora homaro. Mi celaŝ al pli alta homaro : unu socio sen premantoj, unu homaro sen limoj !

*Victor Hugo*

## POR KE ESPERANTO NE DIALEKTIĜU

En la « Esperantisto Internacia » de lasta novembro aperis artikoleto en kiu oni prave pledas por la zorgema elparolado de Esperanto, por eviti dialektiĝon laŭ regionoj. Prave proponas la aŭtoro de la artikoleto, ke la anglaj samideanoj klopodu ne elparoli diftongojn anstataŭ la simplaj vokaloj, ke la francoj klopodu atingi la esperantan « r » kaj akcentigi la antaŭlastan silabon, kaj ke la germanoj diferencu bone la kosonantojn b - p, g - k, d - t.

Nun antaŭ la kvara Argentina Kongreso de Esperanto, al kiu anoncis sian ĉeeston karavano de samideanoj el Brazilo, ni memorigu niajn erarojn por plibonigi nian elparoladon, por ke niaj brazilaj samideanoj pli facile komprenu nin.

La hispanparolantoj malfacile elparolas « et » ĉe komenco de vorto. Tamen ni diru zorge « studento », « stari ». kaj ne « estudento », « estari ». En Esperanto ĉiu sono estas egale grava, kaj devas esti elparolata klare. Tio koncernas ankaŭ la finajn « s ». Do, en la vorte « estas », ni elparolu klare ambaŭ « s », kaj ne kiel en la hispana vorto « estas », (e' ta '), kie la sonoj « s » estas preskaŭ neaŭdeblaj. Diferencu bone la konsonantoj b kaj v. Ili estas malsamaj. La esperantan vorton « bovino » vi elparolas same kiel la hispanan vorton « bovino », kaj tio estu modelo por elparolo de la dukonsonantoj. Diru : boli-voli, beni-veni, balo-valo, bazo-vazo, kunigante la lipojn ĉe « b », kaj apogante la supran dentaron sur la malsupra lipo (malfermita) ĉe « v ». Klopodu atingi la elparolon de la vortoj « knabo » kaj « ŝranko », literumante ilin : k-n-a-b-o, ŝ-r-a-n-k-o. Ne forgesu, ke « ĝ » estas eksploda kaj « j » fluida : ĝardeno, jurnalo.

Se vi zorgos pri tiuj faktoj, la brazilaj samideanoj pli bone komprenos vin. Certe, ankaŭ vi, miaj karaj amikoj brazilaj, povus iomete kunhelpi en tiu reciproka interkompreniĝado. Jen kiel :

Anstataŭ « s » ne konvenas elparoli « ŝ ». Elparolu emfaze moŝto-mosto, veŝto-vesto, poŝte-poste ; iras, parolas (ne : iraŝ, paroiaŝ !), Ankaŭ en tiuj ĉi du lastaj vortoj elparolu la vokalon « a' klare, sen diftongi ĝin kun « i », kiel vi kutimas fari en la portugala vorto « rapaz » (elparolita: rapaiz). Kiam silabo finiĝas per « l », klopodu ne elparoli ĝin kiel « o ». La vorton « al » elparolu same kiel en la vorto « aliri », aŭ en la portugala vorto « alimentar ». La silabfina « n » estas tre malfacile elparolebla por portugallingvanoj. Tamen klopodu laŭeble mallaŭtigi la « e » kiun vi enmetas meze de la vorto « ankaŭ ». Ne diru, do, « an-e- kaŭ ». Same ne diru « jes-i », « kun-i », anstataŭ jes, kun.

Mi pardonpetas al miaj hispanparolantaj kaj portugalparolantaj gesamideanoj —mi estas nek unu nek alia— esperante ke ili komprenos la bonajn intencojn de tiu ĉi artikoleto, dediĉita al la pli efika defendo de Esperanto kontraŭ dialektiĝo, kaj ankaŭ por plifaciligi nian respondon al tiuj, kiuj uzas la ideon pri dialektiĝo por kontraŭbatali Esperanton.

Tibor Sekelj.
(el. Arg. Esperantisto)

## SOKOL FESTOJ EN PRAHA 1948

Estas titolo de informilo, kiun en esperanto eldonis Centra asocio de ĉeĥoslovakaj gimnastoj Sokol en Pra-

ha. Niaj legantoj povas ĝin senpage ricevi skribante al : Sokolsky slet, Praha III., Tyrŝuv dum. Petu samtempe pli detalan ilustritan esperanto-broŝuron pri Sokol, kies eldono estas preparata.

Ne forgesu mencii ke la sciigon, vi trovis en « Afrika Revuo ».

# LIBRO-NOVAĴOJ

SPEGULO HOMARANA : J. H. Erkkó. Eldonejo : LIBRARO VILHO SETALA Havebla ĉe A.R. libro-servo. Prezo : 25. — fr.

Tiu ĉi ege plaĉa kaj noble prezentita libro (ornamita per la ilustrajoj de la fama finna artisto Akseli Gallen-Kallela, prezentas la t.n. « Hejman reguIaron » de la fama finna popolo por veki la justosenton kaj moralan forton en finnoj en tre koncize kaj frapante formitaj senrimaj versoj. La vortoj de la verkisto, kies vivo finiĝis en 1906 estas eterne valoraj kaj universale gravaj, tiel ke ilia inda esperantigo estas tre bonvena. Pri la indeco garantias la nomo de V. Setälä, kies « senkatena » redono estas farita kun tiom da amo por la verketo ke la rezulto povis esti nur tre bona. Ni atendas kun intereso la sekvajn verkojn de la serio.

La libreto estas pruvo de la klopodo laŭeble elimini la apostrofon et la esperanta verso, ne tiel, ke oni ŝanĝas la metrikon de la originala verko, sed kun la konstato, ke la prozodio donas la percepton pri la substantiveco de la vorto, oni teknike forigas la apostrofon. Tiu maniero jam vekis multe da diskutoj kaj multe da vortoj fluis el diversaj plumoj por kaj kontraŭ. La plej grava argumento kontraŭ tiu maniero estis, ke ĝi estas kontraŭfundamenta, sed citas ĝian spiriton. Estas tute certe, ke tia eta kaj bagatela, pure teknika artifiko (ĉar ŝanĝo ĝi ne estas), aliflanke favora el pluraj vidpunktoj, certe havus la aprobon de Majstro, se li vius. Supozeble ankaŭ s-ano Setälä havis la saman penson kaj ŝajne la vivo donos sian benon al tiu penso. La tendenco gajnas de tago al tago pli kaj pli da esperanto-organoj kaj poetoj kaj estus tre interese ricevi la opinion de La Lingva Komitato pri tiu ĉi afero, por ke la diskuto ne ŝlimiĝu.

(F.S. el La Espero)

4-a RAPSODIO, redaktira de Dro F. Szilagyi. Eldono de Förlagsföreningen Stockholm. Aĉetebla ĉe nia libro-servo. Prezo 90. — fr.

Tiuj, kiuj jam legis la interesan « serion de rapsodioj » de sama aŭtoro, plezure ankaŭ tralegos tiun kvaran rapsodion, kiu enhavas tre interesajn, novelojn, rakontojn kaj artikolojn. Estas ankaŭ poezio por amatoroj. La nomoj de diversaj artikoloj, donas garantion pri alta nivelo de la eldonajo : Krom la redaktanto ; ni trovas nomojn de Koloĉsay, Engholm, Setälä, Tarkony, Waringhien k.a.

PREMIAJ ROMANETOJ. Eldonita de The Esperanto Publishing CO. Ltd. Prezo : broŝ. (90. — fr. fr.) Mendebla ĉe nia libro-servo. (Recenzo sekvos.)

ANTONIO KAJ KLEOPATRO. Eldonis The Esperanto Publishing CO. LTD. Prezo : (90. — fr. fr.) havebla ĉe nia libro-servo.

## RADIO

Asocio de Lab. Esp-istoj, F.L.E. en Ned. informas, ke ned. Radio-asocio V.A.R.A. disaŭdigos la 1-an de majo varian programon de 13.15 - 14 h. M.T. 301 m. en Esperanto. Inter aliaj juna s-ano salutos junajn lab. en aliaj landoj.

Radio-Wien sendas jenan Esperanto-programon :

Merkredo 06,35 — 06,45 MET, Wien I (Aŭstrujo) 506,8 m — Esperanto-Kurso.

Nepre sendu leterojn pri la sendajoj al : RAVAG-Wien 30a, Argentinierstrasse WIEN IV, AUSTRUJO.

# ESPERANTO aŭ BASIC ENGLISH

En *Vancouver* (prononcu : Venkuve), en Brita Kolumbio, (Kanado), la « *Vancouver Institute* » organizis vesperon pri la problemo de internacia lingvo sabaton la 22-an de februaro. Ceestis 130 personoj, preskaŭ ĉiuj anglakanadaj ne-esperantistoj.

La unua parolanto estis d-ro *E. Morrisson*, profesoro de angla lingvo ĉe la Universitato de Brita Kolumbio, pri *Basic English*. En sprita prelego li akcentis ke lerni *Basic English* estas por brito eĉ multe pli malfacile ol por fremdulo, kaj ke fremdulo scipovanta *Basic English* ne komprenus anglon. Krome *Basic* fuŝas la anglan lingvon kaj misuzas la malmultajn verbojn ekzistantajn en ĝi. Li tamen opiniis, ke la angla lingvo mem havante ĉiam kreskantan nombron da adeptoj iam fariĝos ĝenerale uzata internacia lingvo.

La dua parolanto estis d ro *F. J. Belinfante*, profesoro de fiziko ĉe la Unisitato de Brita Kolumbio, kiu antaŭ duonjaro venis el Nederlando al Kanado. Li konstatis ke la angla lingvo certe ĉiam havos multajn adeptojn, kaj ĝenerala enkondukiĝo de Esperanto en la lernejojn apenaŭ malpligrandiĝos ilian nombron. Tamen la angla lingvo estas multe tro malfacila por ĝenerala uzado ; ekz. post kvin jaroj da studado en la altlernejo la parolanto mem ne jam scipovis ĝin sufiĉe por kompreni la lingvon parolantan en amerikaj filmoj. Ekzistantaj diferencetoj inter la prononciĝo de Esperanto en diversaj landoj estas multe malpli gravaj ol la diferencoj inter la lingvoj angla kaj amerika. Post alveno en NovJorkon estis pli facile kompreni la Esperantistojn ol kompreni la amerikanan lingvon.

En Eŭropo la publiko komencas vidi la necesecon de Esperanto. Tion pruvas voĉdonadoj en Francujo kaj Belgio. En Brazilo la registaro favoras Esperanton, en Islando 45 % de la parlamento voĉdonis por enkondukiĝo de Esperanto en la lernejojn, en Nederlando gravaj aŭtoritatuloj estas membroj de Nederlanda Komitato por Praktika Aplikado de Esperanton, kaj oni komencis instrui Esperanton en universitatoj en Aŭstrio, Bulgarujo, Polujo, Japanujo kaj eĉ en Britujo (*Liverpool* !).

Esperanto estas la ununura lingvo sufiĉe simpla por la ĝenerala publiko. Ĝi vere vivas kaj havas gravan literaturon. Esperanto povas esti uzata jam nun kaj la afero kreskas rapide en Eŭropo. Kanado povos uzi Esperanton kiel komprenilon inter franclingvanoj kaj anglalingvanoj, ĉar nuntempe ambaŭ grupoj rifuzas « humiligi » per uzado de la lingvo de la alia grupo. La enkondukiĝo de Esperanto en la lernejojn estas ebla sen troŝarĝiĝo de la lernprogramo por la infanoj. Tion konstatis jam la Internacia Konferenco pri Esperanto en la Lernejoj, kiu okazis en 1922 en Genevo.

Post la fino de la prelegoj la parolintoj respondis demandojn pri detalaĵoj.

Kiel rezulto de ĉi tiu vespero 18 subskriboj de la UNO-peticion de I.E.L. estis kolektataj. Kelkaj studentoj esprimis ke estas dezirinde ke d-ro Belinfante prelegu pri Esperanto ankaŭ antaŭ la studenta klubo.

## Someraj Feriaj Kursoj en Danlando

Fidelaj al niaj Esp-tradicioj ni okazigos ankaŭ nunjare somerajn kursojn Esperantajn.

17-24 de julio ili okazos en la internacia altlernejo en Helsingor. 27/7 - 2/8 ili okazos en la altlernejo de Hadsten, tuj apud Aarhus, kie la SAT-kongreso estos de 2/8 - 7/8.

En la pasinta somero partoprenis preskaŭ 200 personoj el 8 landoj, kaj ni rajtas kredi, ke ĉi-jaro venos kursanoj el pli da landoj.

La manĝaĵo estas bonega kaj abunda en nia lando. Kaj la humoro de la danaj Esp-istoj estas brila. Tial ni kore invitas vin.

Petu senpagan prospekton pri la kursoj ĉe. :

S-ro L. Friis Aabyhoj. Ingemannsvej. 9.

# NOVAJOJ DEL'MONDO

(De niaj privataj korespondantoj)

TRONDHEIM. — En Norvegujo per rapidaj paŝoj ni alproksimiĝas al normala antaŭ-milita tempo. Oni almenaŭ ne plu rajtas plendi pri la nuna situacio. Multaj el la plej necesaj nutraĵoj, jam estas aĉeteblaj sen kuponoj kaj el aliaj varoj ni povas akiri pli ol sufiĉe sen kuponoj.

Ne ĉiam estis tiele, ĉar dum la milito, nia popolo suferis pro manko de nutraĵoj. Germanoj, ja forrabis ĉion, *kion* ili povis trovi, eĉ mankis fiŝoj en lando, kiu ordinare eksportas 90 % de siaj fiŝproduktoj. Nun, okazas la tielnomata « printempa kaptado » laŭlonge de niaj marbordoj. Dum unu monato estis kaptitaj 5 milionoj da hektolitroj de haringoj kaj 82.000 tunojn da gadoj. Ni mem bezonas nur 10 % el tiu kvanto, do, restas iom por la malsatanta Eŭropo.

---

EL HELSINKI. — Tuta Eŭropo spertis dum lastaj semajnoj tre severan vintron. En Helsinki la frosto atingis minus 25 centigradojn en Oulu ĝi eĉ superis 30 gradojn. Sipoj tre malfacile povis eniri aŭ aliri el la havenoj, ĉar la glacio en la maro estis eĉ pli ol duonmetro dika (50-60 centimetrojn). La glacirompantaj ŝipoj tamen helpis kaj la trafiko daŭris. Nur tri havenoj. TURKU, HANKO kaj Helsinki estis trafikeblaj pere de helpo de la glacirompantaj ŝipoj. Pli norde la glacio estis pli, ol unu metro dika. En norda Finnlando, kie germanoj detruis multajn fervojpontojn, oni konstruis dum la vintro, fervojajn liniojn sur glacio kaj la vagonaroj povis transiri la glaciitajn riverojn.

---

EL DORTMUND. — Pro manko de papero ĝis nun ne aperis Esperanto-gazetoj en Germanio, sed esperebie baldaŭ ili aperos, ĉar ni estas scivolemaj pri novaĵoj el nia movado. Ni devas havi por niaj anoj kaj lernantoj propagandilojn, lernilojn kaj Esperanto-gazetojn. Malgraŭ la grandegaj malfacilaĵoj, nia paca movado kreskas, la situacio iom post iom pliboniĝas, sed momente mi persone vivas je spiritaj vitaminoj.

---

EL ROUEN. — Okaze de la datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof (15 déc. 1946) la grupo esperantista en Rouen, organizis grandskalan vesperkunvenon kun prelego pri « Vojaĝo en Afriko » sub aŭspicioj de s-ro Aat van Drunen poliglota sudafrika kaj profesoro de vivantaj lingvoj.

S-ro A. van Drunen faris interesan paroladon pri « SUDAFRIKO, la suna lando » kaj « Esperanto estas grandioza ». Multaj lokaj artistoj kaj samideanoj partoprenis tiun sukcesplenan kunvenon.

---

## TRA LA GAZETARO

« NORMANDIE ». — (14-3-1947) S-ro Michel Clerc speciala sendito en Macedonio de tiu gazeto skribas

« Mia ŝoforo ne scias la francan lingvon kaj mi ne scipovas la grekan, sed la germana civilizacio, kies verko estas ankoraŭ freŝa en nia memoro, dotis Eŭropon per iu primitiva Esperanto, formita el du ŝlosilvortoj « gut » (bone) kaj « kaput ». Tiuj du vortoj sufiĉas por klarigi la vivon de la nuntempa Eŭropano. La modesta ŝoforo de la greka *registaro kiu* veturis kun mi laŭ la kaprico de nia kvarcilindra aŭtomobilo, ne bezonas dikan vortaron por priskribi, helpe de la universala « kaput », la etan « kaput'on » de lia persona vivo Kaput la vilaĝo, kaput la domoj, kaput la urbestro... Kaput, estas la ĉiutaga ekkrio de la graka popolo. La fervojoj, la ŝoseoj, la havenoj, la mono kaj eĉ la koro, kaput, kaput, kaput ! ».

L.R. PARIS

## AL ĈIUJ MILITKONTRAUULOJ

Venos la finbatalo inter kapitalismo kaj homaro. Estas ne ebla tiun batalon malhelpigi, sed ni havas du vojojn. Milito aŭ logiko. Milito estas gajno por kelkaj homoj, sed logiko estas gajno por ĉiuj.

Kiu estas por logiko, fariĝas militkontraŭulo kaj rifuzas ĉion pri milita aŭ arma servo, kaj li lernu Esperanton, por ke ĉiuj militkontraŭuloj komprenu unu la alian en la tuta mondo.

Kiu ne volas militon, aliĝu al la Esperantoklubo, ĉar per Esperanto estas la sola savo por la homaro, elveni el la lingva ĥaoso.

Esperanto estas la granda ideo, por ke ĉiuj homoj sin komprenu.

Neniam ree militon.

Nur sin komprenantaj homoj havas forton-la saman forton kiu ankoraŭ ĉiam kreskas kaj sukcesas en la kapitalismo. Kio utilas al la kapitalo la plej bela plano, se la homoj ignoras ĝin. Tial ĉe la patralingvo ankoraŭ la helplingvo Esperanto.

Ciuj ŝtatoj de la mondo devus krei novan ministrerion, la pacministerion, kun pacministro. La tasko de tiuj ministroj estu paroladi en Esperanto al ĉiujn homojn, per radio.

La signo de la militkontraŭuloj estu la signo de la Esperantomovado. Se vi havas tempon, kopiu aŭ traduku ĉi tiun skribaĵon en alian lingvon, disvastigu ĝin. Vi servos al vi mem kaj al la tuta homaro.

## ATENTU !

La baciloj de la indiferenteco jam plenumas malrapide sed certe ĉiujn homcerbojn sur la tuta mondo ; oni ekkonas tiujn homojn laŭ jenon :

Ekzemple : Cio estas al mi tutegale. — Mi ne povas aligi la cirkonstancojn. — Mi ne havas iun intereson. — Mi ne aliĝas iun klubon. — Mi ne havas intereson pri politiko ; tion mi lasas al aliaj.

Tiu estas la malsaneco kiun la bacilo de la indiferenteco kreas. Gi venis de la faŝista aero ; ĉar nur tiaj pensoj antaŭ ne longe rajtis, kiuj venis de la plej supra estro. Pro tio la homoj forgesis mempensadi. Neniu el la popoloj havas intereson por militoj ; tamen ili estis lernintaj, ke la militon nur tiaj homoj ordonas, kiujn ni lasas solaj, por decidi pri nia politiko.

Kial ni estis havintaj militon ? Nur kaŭze de homaj debatoj ? Milito estas negoco, monprofitego por la kapitalistoj ; tiuj povas aĉeti soldatojn kaj armilojn. Kontraŭ tiu nova militdanĝero ni posedas nur unikan rimedon : Homoj de la mondo, kuniĝu per la helplingvo Esperanto !

La unua mondmilito estis estinta mezuro inter homoj kaj armiloj, la dua estis detruegado de ĉio en la malamikaj landoj, senkonsidere, ĉu amikoj aŭ malamikoj ; kaj eventuale venonta milito estus plena ruinigo de la tuta homaro, kiel artefarita superakvego.

Atendante novan militon la atombomboj konservataj en sekuraj keloj venus. Iutage eltrovus iu homo radiojn. kies efiko atingus miloj da mejloj. Pensu nur ! Per ia hazardo trafus unueca de tiuj radioj iun atombombon ! En la sama momento povas eksplodi ĉiuj atombomboj ! Kio fariĝus ?

Katastrofo, kiu ne estas antaŭvidebla ! La tuta kontinento povus malaperi kaj aliaj kontinentoj estus detruotaj per marleviĝo ; vera kruela superakvego. Pensu ĝuste, Cu tio estus eble ?

Alia okazo : Iu eltrovus rimedon, per kiu oni povus bruligi la aeron. Tiu estas egal-granda danĝero, se oni ne scias, per kio oni estingas la bruligan aeron.

Nun kia estas la bacila milito ? Se la nombro de mortintaj homoj estus tiom granda, ke neniu povas entombigi ilin.

Estas tre granda tempo, en kiu gvidantaj homoj konsilas kaj decidas pri la iĝo de nova mondo. Ni ne povas lasi tion nur al tiuj homoj, kiuj provus per faŝista imperialismo regi la mondon. Tio estus frenezeco.

Tial estas necese, ke la tuta homaro kuniĝu per unika lingvo por sia feliĉo kaj daŭra paco.

Varbu, lernu kaj akcelu Esperanton, ĉar tiu estas la sola rimedo kontraŭ milito.

F. W. Ebensee-Austrio.

## CU VI SIAS.....ke

...La vojo sekvata de legantaj okuloj mezuras : por ordinara romano, 1700 metrojn ; por la Biblio, 12 kilometrojn ; por tagĵurnalo, pli ol 900 metrojn ,

...La okulo de certaj papilioj konsistas el 1700 facetoj.

...Maloftege la geniuloj estas unuenaskitoj kontrolita statistiko pruvas tion. BALZAC, la mondfama franca romanverkisto estis la plej juna el tri fratoj ; *Schuman*, la 5-a en lia familio ; *Mozart*, kiel ankaŭ *Wagner*, la 7-a ; *Napoléon*, la 8-a ; *Tenimor Cooper*, la 11-a ; *Schubert*, la 3-a ; *Franklin*, la 17-a ; Verŝajne la rekordon pri tio detenas *Massenet*, lasta naskito en familio, kiu konsistis nur.... el 21 geinfanoj.

(Rimarko de la tradukinto : ) ĉar escepto pravigas regulon, oni povas aldoni ke, la bonfarinto de la homaro, nia karmemora Majstro, estis la unuanaskito en sia 9-infana familio !

...Je la komenco de Januaro de la nuna jaro, hajlis en Sydney (Aŭstralio) tiel forte, ke 300 personoj estis pro tio mortigitaj ; la detruojn oni taksas je la sumo de 100.000 anglaj funtoj — kaj la hajleroj estis tiel dikaj, kiel la tenis-pilkoj.

...En Germanujo ekzistas unudirektaj stratoj, eĉ por piedirantoj.

...La terura erupcio de Sicilia vulkano : *Etna*, en 1755 jaro, daŭris seninterrompe dum 200 tagoj kaj vaporigis ĉiutage 10.000 tunoj da akvo.

...En la stomako de iu birdkaptista fiŝo, oni trovis sep sovaĝajn anasojn.

La suno radiis jam dum 80 miliardoj da jaroj, kaj radios ankoraŭ dum 1.500 miliardoj da jaroj.

...La kukurbo por havigi al si la necesajn kvanton da akvo, povas kreskigi radikojn, kiuj mezuras pli ol 2 kilometrojn.

...Angla kuracisto, specialisto pri vir seksa sennaskeco, asertas, ke la atoma energio malhelpas la naskigajn ĉeletojn, malinfluante ilin.

Elfrancigis : B.S. Ohana

## LETERO el GERMANUJO

Tre Estimata Redaktorino,

Tie ĉi en Germanujo, denove ekĝermis ...la progreso, libereco kaj amo al amikeco al ĉiuj popoloj.

La radikoj de la ĝermo estas nomitaj : demokratio, socialismo kaj... Esperanto.

Jes, ankaŭ Esperanto denove trovis sian honoran lokon en Germanujo. Ankoraŭ ne granda estas nia E.-movado sed... ĝi vivas kaj kreskas.

Bedaŭrinde nia junularo estas tre nekonfida al ĉio nova. Hitler venenigis la germanajn gejunulojn ; tial la emo al Bono tre malrapide progresas en mia patrolando. Tamen feliĉa estas kaj vivas ankoraŭ nia malnova gvardio.

Sed kiam oni deziras entuziasmigi la gejunulojn tiam oni uzas materialon por propagando. Kaj mi, bedaŭrinde, havas nenion, kiun oni povus nomi literaturo. Oni detruis ĉion kio estis Esperanto.

Nun mi instruas kelkajn gejunulojn.

Eble iu bonkora kaj entuziasma samideano, bonvolus sendi al mi (aŭ snoj) belajn ilustritajn bildkartojn el iliaj urboj kaj landoj. Nia E.-movado jam antaŭdankas vin.

Mi suferis multe pro Hitler-reĝimo, kaj certe meritas nune la helpon de esperantistoj en mia propagando. Mi estas kaj estis aktiva kontraŭbatalanto de hitlerafaŝismo. Mi troviĝis depost la 16-4-1936 j. ĝis 9-11-1941 en koncentrejo kaj K.-Z. En februaro 1944 mi rifuĝis al Svislando. Kaj tie mi fariĝis gvidanto de ...armeo. Sed tiu armeo n'e estis milit-armeo, ĝi konsistis el 500 ŝafoj. Mia oficiro estis... ŝafhundo. Mi gvidis tiun ŝaf-armeon tra valoj kaj montoj.

Nur post la milito mi ricevis permeson reveni hejmen, ĉar mi ja estis kontraŭ-faŝisto.

Nun mi laboros por nia kara ideo ĝis ĝia fina venko. Antaŭdanke por via alvoko en via ŝatata AFRIKOI REVUO, kun multaj samideanaj salutoj, mi restas via.

*Robert Stoffers*, WESERMUNDE-Sp ? am Tanne-amp 15, British Zone, Provinz Hannover, Germanujo.

---

Kial do vi posedas tiel grandan leterkeston ?

Por malplenigi ĝin, kiel eble plej malofte.

## ESPERANTO TRA LA MONDO.

*Anglujo.* Nottingham kaj Distrikta E. — Societo, arangis la 13-an de marto Ekspozicion, per kiu ĝi montris la staton de E. movado tra la mondo. Estis diversaj fakoj Lingva ĥaoso ; Instruado ; Literaturo ; Poŝtmarkolektado ; Ilustritaj poŝtkartoj kun saluto el 24 landoj ; junulargastejoj ; Turismo vojaĝo ; IEL ; Informoj ; libro-vendo. La stando kun salutkartoj en nombro de 120 el 24 landoj, multe impresis la vizitantoj kaj post la ekspozicio aperis tre favora raporto en acia gazeto.

Hon. prezid. R. Fletcher.

KUNFANDIGO : IEL-UEA. Fine tiu decido estis farita. Kaj jam la jarlibro 1947 aperos, kiel unu nura eldonaĵo de kunfanditaj mondaj organizaĵoj. La ĝisnuna oficiala organo de IEL, fariĝos konsekvence, organo de ambaŭ societoj sub titolo

ESPERANTO, depost la monato Majo, ĝi portos tiun novan titolon. Bravo por niaj eminentuloj.

POLUJO. En Gdynia, pola havenurbo oni komencis instruadon de E. kiel deviga instru-objekto en liceo de Belaj Artoj.

LODZ. (Polujo)) La memorŝtono de Zamenhofstrato estis retrovita kaj denove lokita (Germanoj utiligis ĝin, kiel trotuarplaton en korto.)

FRANCUJO. LA E. — societo en Angers projektas starigon de E. — Universitato dum aŭgusto 1947.

NEDERLANDO. La E. Societo en HAARLEM proponas arangi ĉiujaran internacian Esperanto-tagon, kiun ĉiu Samideano povus partopreni kaj kiu fariĝus mondan E. — demonstracion. Kiel daton, oni proponas la 7-an de aŭgusto, kiel tagon de UNUA UNIVERSALA KONGRESO.

UNUESCO. S-ro Durrant el Londono, venis Parizon en nomo de IEL, por klarigi al s-ro D-ro Awad estro de la fako pri sociaj sciencoj, diversajn flankojn de E. movado.

## MANIFESTO AL IAMAJ SAMIDEANOJ !

*Homaro kreiĝis perfekte kaj bele,*
*sed ĝi sin dividis batale ;*
*popolo popolon atakas kruele,*
*frat' fraton atakas ŝakale.*

Tion ni denove konstatas en la pasintaj militjaroj. Sed malgraŭ tio, ni estas kaj volas resti esperantistoj, anoj de nia lingvo universala, Esperanto, kiu anstataŭ dividi la popolojn celas unuigi ilin.

Kaj vi estis inter ni, ĉeestis klubkunvenojn, aŭskultis la prelegojn faritajn en la belsona Zamenhofa lingvo, kaj kunlaboris por la propagando de Esperanto. Kio do povis vin senkuraĝigi, ke vi forlasis nian armeon de pacbatalantoj ? Ĉu la fakto, ke Esperanto ne sufiĉe rapide venkis la mondon ? Ĉu eble la klubkunvenoj ne estis sufiĉe allogaj kaj interesaj por vi ? Ĉu eble la diverseco de opinioj inter la esperantistoj mem ? vi silentis kiel la dezerto.

Kaj tamen mi estas konvinkita, ke via amo por la internacia lingvo jam ne povas esti elradikigota. Mi estas konvinkita, ke profunde en via koro ankoraŭ brulas ereto da via antaŭa entuziasmo por la mondlingvo kaj ĝia interna ideo.

Mi tial urĝe petas vin revenu, revenu en niajn esperantajn vicojn ! Ne malfideliĝu al tia mirinda interkomprenilo, kia estas la lingvo de D-ro Zamenhof, kiu mem iam estis sola, kaj kiu malgraŭ sia grandega batalo por la interfratiĝo de la homaro kaj la disvastiĝo de Esperanto, diris en sia *Preĝo sub la verda standardo* :

Ni ĵuris labori, ni ĵutis batali. Kaj ĉu necesas, ke mi memorigu al vi la vortojn :

Eĉ guto malgranda konstante frapante.

Traboras la monton granitan.

La Esperanto-movado bezonas vin Ĝi bezonas vin por defendi ĝin kontraŭ la indiferentuloj kaj por pli rapide disvastigi ĝin. Helpu nin en nia propagando. Kune ni estas fortaj, malgraŭ la bariloj. Rededicu vin do al Esperanto !

Vivu Esperanto, vivu la verda stelo !

C. Nelson, Nederlando
(el Dana Esperantisto)

# INTERNACIA INSTRUISTA KUNLABORADO

La milito frakasis la bone laborantan geinstruistan asocion TAGE kaj malebligis la eldonadon de Internacia Pedagogia Revuo. Tuj post la finiĝo de la milito la bezono de kunlaborado inter esperantistaj geinstruistoj en ĉiuj landoj ekaperis. Depost duonjaro reprezentantoj de la geinstruistaj esperantoorgazaĵoj en Anglujo, Francujo, Nederlando kaj Svedujo diskutis pri la eblecoj de efika internacia kunlaborado.

La rezultato de tiuj intertraktadoj estas decido pri provizora internacia kunlaborado, baze de la landaj nun ekzistantaj geinstruistaj esperantoorganizaĵoj. Komitato estas starigita. Al tiu apartenas f-ino V. C. Nixon, Anglujo, f-ino Jeanne Dedieu, Francujo, s-ro P. Korte, Nederlando, kaj s-ro Einar Dahl, Svedujo. Ili funkcias kiel deligitoj de siaj landaj asocioj.

La komitato havas la nomon INTERNACIA INSTRUISTA KUNLABORADO / IIK/. La komitato havos CENTRAN INFORMEJON. Instruisto Einar Dahl gvidos ĝin. La adreso estas Centra informejo, s-ro Einar Dahl, Uddevalla, Svedujo.

Tiu Centra Informejo kolektos informojn el ĉiuj landoj pri instruistaj, pedagogiaj kaj lernejaj aferoj, rilatantaj al esperanto. La Centro distribuos taŭgajn sciigojn al la gazetaro, al la landaj instruistaj organizaĵoj ktp. kaj respondos je demandoj, kiuj temas pri lernejaĵoj, pri esperanto kaj lernejo. Bonvolu sendi respondkuponon, kiam vi petas informon.

Nia espero estas, ke ni baldaŭ povu saluti novajn landajn geinstruistajn societojn bonvenaj por kune kun la kvar fondintoj labori sur la internacia lerneja kampo.

En landoj, kie la geinstruistoj ne ankoraŭ estas fondintaj specialan fakorganizaĵon, la komitato serĉos reprezentantojn. Jam ni havas nomojn de profesiaj geinstruistoj el diversaj kategorioj, kiuj deklaris sin pretaj esti niaj kontaktiloj. Post nelonga tempo ni publikigos tiun reprezentantaron, sed ni petas, ke geinstruistoj, kiuj emas kunlabori, sendu nomojn, adresojn kaj aliajn infformojn al s-ro Dahl kiel eble baldaŭ.

La ĉi supre menciita komitato ankaŭ ekzamenis la eblecojn eldoni bultenon. La traktadoj donis esperige bonan rezultaton. Guste pro tiu afero estas necese, ke ni ricevu kiel eble plej multe da adresoj.

Ni esperas, ke niaj ĝisnunaj klopodoj helpu nin atingi la celon : baldaŭa starigo de internacia geinstruista organizaĵo. Sed antaŭ ol niaj esperoj kaj aspiroj estos realigitaj estas necese, ke la geinstruistoj ĉiulandaj energie, fervore kaj celkonscie faras ĉion por subteni nian provizoran planon.

## REDAKCIO RESPONDAS

Kara samideano Delgado, por viaj sinceraj vortoj, okaze de la apero de nia A.R. koran dankon. Permesu ke mi presigu tiujn vortojn, kiuj multe nin alkuraĝigas kaj jen via letero.

...mi vin gratulas pro via revuo kaj ankaŭ pro ĝia nova nomo, kiu laŭ mia opinio plej taŭgas por via gazeto/. Mi deziras longan kaj prosperan vivon al A.R.

Via solvo estas bona, kaj mi esperas, ke ankaŭ gajnos la premion, do kuraĝe antaŭen kaj saluton.

*S-ro Heise, München, G-ujo.* Momente ni ne povas sendi al vi nian A.R. ĉar oni ne akceptas presaĵojn por via lando. Do nur post la ŝanĝo de tiu ordono, ni sciigos vin al kiu vi povus pagi la abonon por A.R.

# POR KOMENCANTOJ

## ABDALLAH LA SUR-TERA kaj ABDALLAH LA EN-MARA.

Fabelo elarabigita el « Mil kaj unu noktoj. » de L. A.

Iam estis fiŝkapisto nomata AbdAllah (la servanto de Dio). Li havis multnombran familion : naŭ infanoj kaj ilian patrinon. Li estis tre malriĉa kaj posedis nur unu fiŝreton. Kiam li fiŝkaptis nur malmulte, tiam li vendis la fiŝojn kaj elspezis por siaj infanoj ĉiaŭ tio, kion donis al li Allah (Dio). Kiam li fiŝkaptis multe, tiam li kuiris bongustajn manĝaĵojn kaj aĉetis fruktojn. Li ĉion elspezis ĝis kiam restis al li neniu monereto. Li kutimis diradi al si : « La morgaŭan vivopanon Allah donos almi morgaŭ ».

Tagon (iun tagon) lia edzino naskis dekan infanon, kaj tiun tagon Abdallah posedis nenion, ia edzino diris al li : « Ho, mia sinjoro, faru do ion por ke mi manĝu ». — Li respondis : « Mi tuj iros — kun la beno de la laŭdata Allah — al la maro, en tiu ĉi tago, poe sperti ĉu tiu novenaskito estas bonŝanco ». Si diris al li : « Fidu Allah ! — on ! »

Li prenis la fiŝreton kaj direktiĝis al la maro. Alveninte sur la marbordon, li ĵetis la fiŝreton en la maron por provi la ŝancon de sia malgranda infaneto, kaj li diris : « Ho, Allah, faru do lian vivon facila kaj ne malfacila, kaj lian vivopanon multa kaj ne malmulta. « Kaj li pacience atendis kelkan tempon, poste eltiris la fiŝreton. Gi estis plena de herboj, sed en ĝi ne troviĝis eĉ unu fiŝo.

Duan trian kvaran kvinanfojon li ĵetis la fiŝreton en la maron. Sed li kaptis nenion. Li transiris al alia loko, poste denove al alia kaj tiamaniere ĝis la fino de la tago, sed li ne kaptis eĉ unu fiŝeton.

Pro tio li tre miris kaj diris : « Cu tiun novenaskiton kreis Allah sen vivopano ? Tio estas ne ebla ; ĉar Tiu, Kiu kreis la buŝon prenis sur sin ĝian vivrimedon. » Allah, Li estu laŭdata, estas malavarega kaj disdonantega ».

Tiam Abdallah prenis la fiŝreton sur sian dorson kaj revenis hejmen kun frakasita koro kaj zorgoplena pri sia familio. Ĉar li lasis siajn infanojn sen manĝaĵo kaj precipe sian edzinon ĵus naskintan.

Li ne ĉesis iradi kaj diradi al si mem : « Kion fari ? Kion mi diros al miaj infanoj tiun ĉi nokton ?

Survoje li alproksimiĝis al panbakejo kaj vidis antaŭ ĝi hom-amason. Car tiutempe regis tre malfacila epoko (ĉio estis kara) La homoj posedis nur malmulte da nutraĵo. La klientoj prezentis siajn monerojn al la panisto, sed li tute ne atentis pri ili, pro ilia tro granda nombro. La fiŝkaptisto haltis tion rigardi kaj flaris la bonan odoron de la varma pano. Pro malsato li ĝin ekdezir-eg-is.

La panisto rigardis Abdallah'on kaj diris al li : « Alproksimiĝu Cu vi volas panon ? » Abdallah silentis: « Parolu, diris al li la panisto, kaj ne hontu, Dio estas malavarega, se vi ne havas monon, mi donos al vi panon kaj mi atendos ĝis mono venos al vi ».

Abdallah diris al li ; « Je Allah, mi ne posedas eĉ unu monereton, sed donu sufiĉe da pano por mia familio kaj mi lasos ĉe vi, kiel garantiaĵon, mian fiŝreton ĝis morgaŭ matene ».

Diris al li la panisto : « Ho, kompatindulo ! Tiu fiŝreto estas via pan-gajnilo, se vi lasus ĝin ĉe mi, per kio do vi fiŝkaptos ? Diru al mi la kvanton, kiu estas por vi necesa.

Por dek groŝoj (groŝo — kupra monereto) li diris.

La panisto donis al li dek groŝojn da pano kaj ankaŭ aliajn dek groŝajn monerojn kaj diris al li :

« Prenu do tiujn dek groŝojn kaj kuiru por vi manĝaĵon. Vi ŝuldas al mi dudek groŝojn. Alportu al mi morgaŭ fiŝojn por dudek groŝojn. Sed eĉ se vi trovos nenion, venu morgaŭ kaj prenu denove panon kaj groŝojn ».

La fiŝkaptisto respondis : « Allah, anstataŭ mi, rekompencu Vin per ĉiaj bonaĵoj ! ». *(Daŭrigota)*

---

Ĉu Vi, jam mendis E. — libron ĉe nia libro-servo, ĉi-monate ?
Konsultu niajn libro-listojn en niaj antaŭaj numeroj de A.R. kaj en tiu ĉi.

## NOVA LEKTORATO DE ESPERANTO

Fondiĝis nova lektorato por Esperanto ĉe la ŝtata altlernejo por terkulturo en Wien (Aŭstrujo). Estas la tria lektorato en Wien. Lektoro estas prof. Dr. E. J. Görlich.

## GRAVA NOTO

Ni informas francan esperantistaron, ke nian poŝtĉekkonton en Rabat, povas utiligi samideanoj, kiuj posedas jam sian propran poŝtĉekkonton. Aliaj devas pagi per simpla poŝmandato, je nomo de nia ĉef-redaktorino s-ino FINK.

---

POLA RADIO, Varsovie III — ondlongo 49,06 m. de nun disaŭdigos programojn en esp. lingvo,

ĉiumerkrede, je horo 21. 10 laŭ Greenwich-tempo.

En programo kulturaj, politikaj, ekonomiaj, esperantaj prelegoj kaj informoj pri nuntempa Polujo. Aŭskultu disaŭdigojn kaj nepre skribu al POLSKIE RADIO, WARSZAWA, Koszykowa 8. Je leteroj la aŭskultantoj ricevos buŝan kaj skriban respondon.

Por Ĉef-Estraro de A.E.P. Prezidanto Zawada, Sekretario Dratwer.

---

# NI DISTRU NIN !

### ENIGMO-KONKURSO N° 2

Partopreni povas ĉiu leganto, kiu almenaŭ atingis 12 poentojn. Ni fiksis Tri premiojn : 1° La Vidvineto, romano 2° Pensoj de Zamenhof ; 3° « Johano kaj Silvio » facila legolibro.

---

La lastaj enigmoj por tiu enigmo konkurso estos publikigotaj en la septembra numero de nia revuo.

---

Gisnuna STATO DE LA KONKURSO. Po 2 poentoj Da Silva, Bachofner, Paul Brunet, Manuel Delgado, Leal, B.S. Ohana.

---

La poŝta ŝtampo sur la solvo-sendaĵo estas konsiderata, kiel limtempo de la sendo.

---

### ENIGMO N° 4

Silab-enigmo sendis B.S. Ohana
A AM AR - AR - BA - BE - CA
DE DE DI DO - EN FA GE -
HI SO - KA KAN - KE - LO - LO -
LO - LO - LO - LO - LO - MAN - ME -
ME - ME - MO - MO - NA - NAJ - NEG -
NO NO NO - NU - O - O - O
O OR PA PE RA RE RE
RO RO RO RO RU SI - SI
TE TO UR VA.

El supraj 60 silaboj, faru 20 triliterajn vortojn, kies signifon vi trovos ĉi-sube. — La komencliterojn de trovitaj vortoj, formas konatan proverbon.

Jen la difinoj de ŝlosil-vortoj 1. — lumigilo. — Dio de amo ; 3. — Gin oni kunportas dum vojaĝo. 4. — Polusa mambesto ; 5. — Kapvesto ; 6. — Homkorpa parto ; 7. — Burnuso ; 8. — Havanta ovan formon ; 9. — Tiu, kiu loĝas proksime de alia 10. — Militistaro ; 11. — Iluzio ; 12. — Decoracio ; 13. — Negro ; 14. — Cifero 15. — Juĝa aŭ oficiala esploro ; 16. — Uzata por kudrado aŭ teksado ; 17. — Arbusto ; 18. — Rekta linio ; iranta de la centro de rondo aŭ sfero ; 19. — Ciela spirito 20. — Fabela virinkorpa monstro.

Por tiu enigmo ni donas 1 poenton.

La solvon bv. sendi plejmalfrue ĝis 31 julio 1947.

---

**SOLVO de la 1-a enigmo.**

TRADUKO de la helpilo : *Aventuro, fadeno, ĉagreno, lito.* LA FRAZO : *La devo de ĉiu esperantisto estas fervora propagando de nia ideo.*



KUPONO N° 3 por
II-a ENIGMO-KONKURSO

# KORESPONDU !

PUBLIKIGO DE ANONCO PRI KORESPONDO, kostas 3 intern. poŝtaj respondkuponojn por du linia anonco ; ĉiu plua linio : 1 int. poŝta resp-kupono.

POR ABONANTOJ LA PUBLIKIGO DE ANONCETO 2-linia, (nur pri korespondo) ESTAS SENPAGA.

Utiligante niajn anoncojn, menciu en via letero, ke ĝin vi trovis en AFRIKA REVUO.

MALLONGIGOJ. dez. : deziras. Kor. : korespondi ; F-ino : Fraŭlino ; interŝ. : interŝanĝas ; kĉl. : kun ĉiuj landoj ; pĉt.: pri ĉiu temo ; pi. : poŝtkartoj ilustritaj ; blf. : gluu PM. bildflanke ; PM. : poŝtmarkoj ; s-ino : sinjorino ; s-ro sinjoro; D-ro doktoro ; prof. : profesoro.

ANGOLA. Dez. interŝ. PM. kĉl. sendas ĉiam egalan kvanton de PM. portugalaj, kaj Angolaj : S-ro J. Carneiro de Almeida, Caixa Postal no 16, LOBITO.

ARGENTINO. S-ro Angel Santillàn Independemia 2340. I.C. BUENOS-AIRES. 16-jara junulo dez. kor. kaj interŝ. fotojn, librojn, revuojn, pi. desegnojn ktp.

AUSTRUJO. S-ro Friedrich Ridler, Wien 15/101, Goldschlagstr 118/38, dez. interŝ. PM.

BRAZILO. F-ino Norma Guerrini, rua Barao de Campinas 751, SAO-PAULO, dez. interŝ. P.I. kun s-ano el Usono.

BULGARUJO. S-ro Petko M. Penevski CERNO-KONEVO, Cirpansko strato, interŝ. uzitajn kaj neuzitajn PM.

CEKOSLOVAKUJO. 18-jara studentino Lidmila Rejthàrkovà, HRADEC KRALOVE, Prikopy 384 dez. kor.

CINUJO. S-ro Chin Kaigi, P.O. Box 175 CHUNGKING, 24 jr. dez. kor. kaj interŝ. PM.

DANUJO. Esperantistoj ! Mi volas interŝanĝi PM. Mi posedas 595.000 da danaj P M. kaj mi volonte interŝanĝos PM. po pakete, po 100,50 aŭ 25 PM. Mi petas ĉiujn esperantistojn-filatelistojn skribu kaj sendu PM. al mi ; mi certe kaj ĉiam respondos Dana, PM. — eksporto : S-ro A. Moesgaard Larsen Silkeborgvej 34, HERNING.

2° S-ro Sören Andresen, Tranholm, pr BRADSTRUP, 22-jara terkulturisto, dez. kor. kun Sovetunio, kaj malproksima oriento.

3o VOJAGO. — Juna terkulturisto dez. pasigi iom da tempo en terkulturejo en Afriko aŭ Sudameriko. parolas krom Esperanto, germanan kaj iom anglan lingvojn, leterojn peras : s-ro E.B. Larsen; Borggard, Siersley Storeheddinge.

4o 14-jara, loĝanta en KOBENHAVN, Voldumvej 130, Rodovre pr. Vanlose, f-lo Jorgen Johansen, dez. interŝ. PM.

FRANCUJO. F-inoj Le Breton, Belis Arlette kaj Coletten Pl. Poissomerie COUTANCES (Manche) dez. kor.

2o S-ro Lucien Godard, 103, rue Elei Morel, AMIENS (Somme) dez. interŝ. ip. kaj PM.

3o S-ro Charles Bourgade, 8, rue d'Alsace, THIERS (Puy-de-Dôme) dez. interŝ. P.I. kun ekstereŭropanoj.

4o S-ro Johano Cezar, VILLEBARCU (Loir-et-Cher) dezirante labori en Maroko, serĉas tie korespondanton.

5o S-ro Georgo Duquesnois, rue Nationale n° 5, NOYELLES GODAULT (P.-de-C.) interŝ. PM.

6o S-ro Maurice Moindrot, en DOMERY, apud Rian (Cher) dez. interŝ. neuzitajn PM. kun filatelistoj el francaj kolonioj (valoro kontraŭ valoro).

GERMANUJO. Bonhumoraj gejunuloj ! Cu vi emas servi por estonta kurioza revuo ? Skribu al Reinhard Uhde (23) BREMEN, Kornstrasse 156. Aldonu respondkup.

2o S-ro Hans Severmann, UNNA, (Westfalen) Bülowstrasse 11, dez. interŝ. PM.

GREKUJO. P.W. Esperanto-Rosner, 319 Germ. Eng. Cov. P.W. Germ. Camp. ATENAI-Aliki, dez. ricevi div. esperantajojn, por slaj E. — kursoj kaj paroladoj.

HISPANUJO. S-ro M. Manteça, Puente del Arzohispo, (Toledo) Dez. interŝ. P.M. kĉl.

HUNGARUJO. S-ro Sandor Kassai, Berkocsi-u (5) dez. interŝ. nur neuzitajn kompletajn kaj novajn (memor-kaj aeraj) seriojn.

2° S-ro Paulo Gyucha, Békéssaba, VI Kalvin-u. 31, 22-jara dez. interŝ. pi kaj korespondi perletere.

JAPANUJO. S-ro Kaĝuma, Harada, ĉe Kuŝiro, Koun Kaiŝa, 5-8 Miŝikamaĉi, Ku ŝiro (Hokkaido) 20-j. studento dez. kor. kĉl.

JUGOSLAVUJO. S-ro Milenko Damjanović, ul. Jugoslovenske Armije 23 NOVISAD, interŝ. laŭ Yvert, Scott, Michel, Zumstein, ĉiujn landojn.

MADEIRA. (Insulo) S-ro M. Lourenco de Gouveia, rua das Dificuldades, 28, FUNCHAL, dez. interŝ. ip. blf.

NEDERLANDO. S-ro H.J. BELLAARD Vrieseplein 5, DORDRECHT, dez. interŝ. PM.

2o S-ro L. de Leyer, Jasonstraat 24 huis AMSTERDAM-Z. dez. kor kun marokan--ino pĉt. kaj interŝ. PI.

3o S-ro J.H. Fennema, Abel Tasmanstraat no 22 B. dez. interŝ. PM. kun Francujo, Aŭstrujo, Cekoslovakujo kaj Italujo.

NEDERLANDO. S-ro N. Grisjsen, Haarlemmerstr. 38 II. dez. interŝ. P.M. kĉl.
5o R.J. Hes, Zeeweg no 190 IJMUIDEN (Oost) dez. interŝ. kompletajn neuzitajn seriojn.
6o S-ro Andr. van der Horst, Marialaan 57 HALFWEG (N.H.) dez. interŝ. PM. kaj IP. kĉl.
7o S-ro J.H. Marŝé, Vaart straat 1, LEIDEN, dez. interŝ. PM. per ĉiuj kvantoj. neuzitajn PM. laŭ nominala valoro.

FRANCUJO. S-ro Jean Vast, 73, rue Voltaire,, AMIENS (Somme) dez. interŝ. PM. kun marokano.

NORVEGUJO. S-ro Georg Berge, Raudeberg, Nordfiord, dez. interŝ. PM. de antaŭ 1940 jaro.
2o S-ro Haakon Erlandsen, THS. Heftyes GT. 33. IV OSLO, dez. interŝ. PM. kĉl. laŭ katalogo aŭ peco por peco.
3o S-ro A. Melbye, Bergens gt. 20. I. OSLO, dez. interŝ. PM. interesajn librojn. kajerojn ktp. kĉl. ankaŭ interŝ. kompletajn seriojn sur leteroj.
4o S-ro Johan Hamond Rosback, Hoffchef, LVENSKJOLDS VEI 32, BESTUM, pr. OSLO, dez. interŝ. uzitajn PM. peco kontraŭ peco, kun filatelistoj el Luksemburg. Andoro ; Monaco kaj Liĥtenstejno.

POLUJO. Asocio de Esp.-istoj en P. Apudmara Filio, Grupo Gdansk, aranĝas la 30-an de majo k.j ; letêrvesperon. Ge-anoj el ĉiuj landoj sendu leterojn pi. ktp. Resp. garantiata. adreso GDANSK WRESZCZ, ul Potokowa 29.
2o S-ro Leszek Kulczycki, ZIELONKA k/Warszawy dez. kor. kun samideanoj en Maroko pri ĉt. kaj dez. interŝ. PM. Estas 22-jara bankoficisto (fremdlingva korespondanto angla germana, kaj itala).

RUMANUJO. Prof. Pavel Halic, str. Miron Costin 6 ARAD, dez. kor. kun marokanoj.

SVEDUJO. S-ro E.K. Aspenström, Box 4950 FALUN, arbar-gardisto, dez. interŝ. ordinarajn PM. kĉl.
2o S-ro Erik Anderson, Rudenŝchöldsgatan 31 LIDKOPING, desegnisto, kolektas PM. de tuta mondo.
3o S-ro Göte Andersson, Magnus Stenbocksg. 4 LUND. dez. interŝ. PM. kaj IP. kaj longaj leteroj kĉl.

FRANCUJO. S-ro Lucien Thiéblemont, rue Flammarion 18. SAINTE-Savine (Aube) dez. interŝ. nur uzitajn PM. kun ekstereŭropanoj ĉiam respondas.

USONO. S-ro Bruno Beckman, instruisto, Senior High School, Rochester, Minn. Dez. kor. kĉl. por siaj lernantoj (15-18 jaraj) per IP.
2o S-ro I. Svarstad, P.O. Box 1909 ; Long Beach Calif. Interŝ. IP kĉl.

FRANCUJO. Korespondantojn el plej diverŝaj landoj (unuopuloj aŭ kluboj) serĉas nia Grupo ; « VERDA STELO » — adreso Grupo Esperantista, CALAIS, (P.-d.-C.).

## PAROLAS LA LEGANTO

...mi elkore gratulaŝ vin pro via bela Revuo ! Jam pro tio, ĉar mi ofte estis leginta, antaŭ la nuna milito, la artikolojn de s-ino Fink. Mi ĉiam estis ravita pri la tiea belega regiono. S-ino Fink konigis al mi pli da geografiajn konojn ol la lernejo. Mi ankaŭ bone rememoras, kiel ŝi prikantis la fruktoriĉan parton de la lando. Ofte oni ne povis kredi, ke homoj estas kapablaj fari tiajn abomenaĵojn en iama Fi-Germanujo, sed mi persone vidis tion jam antaŭ la komenco de la Hitlera reĝimo. Dum demonstracio kontraŭ ĝi, ne mankis multe por ke mi ankaŭ estu mortpafita. Mi deziras al via Revuo grandan disvatiĝon kaj al vi ĉiuj bonstaton kaj prosperon. Antaŭ nelonge ; mi denove estis leginta la nomon de s-ino Fink, ie. La printempo estas venkinta, kaj la vintro venkita ; pro tio mi treege ĝojas ĉi-tie en Germanujo, ĉar la malvarmo kaj malsato baldaŭ frenezigus nin alimaniere. Ni esperas je pli bela estonteco. Elkorajn salutojn de via.

Brüchert (1) Berlin 034
Ebertystr 20 S.

---

...nin ĝojigis via revuo. Ni konstatas ke vi klopodas multe por nia lingvo. Ĉu vi bonvolus abonigi nian E. — grupon ? Niaj anoj plezure legis diverŝajn artikolojn, precipe : LA MAROKA VIRINO, LETERO EL FRANCUJO, RADIO, PAROLU E. en E. — KLUBO k. a.

Tre samideane via.

Esperantista Grupo en LANNEMEŽAN (H.R.).

*Ni sciigas niajn* germanajn abonantoj, ke iliaj revuoj revenis al ni pro ne akcepto de la cenzuro. Oni ne povas ankoraŭ sendi gazetojn el Maroko, al Germanujo.
Admn. de A.R.

---

*SVEDUJO.* S-ro Henry Blom, 70 Centralgatan, NYNASHAMN, dez. interŝ. IP. kĉl.

FRANCUJO. Mi dez. kor. per PI. kaj leteroj S-ro R. Dulièges, 4, Impasse Charpaigne, CLERMONT-FERRAND (P.-d.-D.).

NEDERLANDO. Sro J.J. Koopman, Julianastraat 54 dez. kor. kĉl. pĉt. HALFWEG (N. H.).

---

Société Nationale des Entreprises de Presse
Langres. — Imp. Moderne
2e trimestre 1947

# TRE ESTIMATA SAMIDEANO !

LA VERDA FLAMO aperas ĉiumonate seninterrompe jam 3-an jaron.

APERIGAS bonegajn ideajn artikolojn, informojn, interesan kronikon pri maroka kaj eksterlanda movado apartan pagon por komencantoj, beletristikajn sciigojn kaj artikolojn pri la kultura vivo en Maroko: objektivanj kritikojn, recenzojn, enigmojn, humorajonj, ktp.

PRESATA nur esperantlingve.

RECENZITA plej favore de multaj esperantaj gazetoj.

Jarabono 6. ang. sil. aŭ 1.18 dol. aŭ 144.-fr. aŭ 15 internaciaj postaj respondkuponoj.

PAGI ONI POVAS, INDIKANTE « POR L. V. F... Casablanca. Maroko, » AL

a) Internacia Esperanto-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, Herts, ANGLUJO,

b) FORLAGSFORENINGEN ESPERANTO u. p. a. STOCKHOLM 19, Box 19071 (Postcekkonto N° 578, Svedujo.

c) DANSK ESPERANTO - FORLAG, Ingemannsvej 9, AABYHOJ, Danujo. (postgiro 16295).

d) NORSK ESPERANTO-FORBUND, Oslo, Box 942, (postgiro 100.32)

e) rekte al ni : LVF. Casablanca : Postcekkonto N° 111.75 Rabat.

f) kaj al ciuj cef-delegitoj de I. E. L. en koncernaj landoj PRI PAGOJ al iu el supraj adresoj, aŭ pri via alia decidoj, bv : nin nepre per simpla p-karto informi, por ke ni povu regule sendi LVF.

NI SENDAS EKZEMPLERON ANKAU AL VI. Bonvolu gin atente tralegi !

SE LA VERDA FLAMO PLACAS AL VI, abonu gin tuj kaj abonigu Viajn amikojn.

SE LA VERDA FLAMO NE KOTENTIGAS VIN, ni afable petas resendon, de ci tiu specimeno.

(Rimarko kursivaj literoj estas uzataj anstatau supersignitaj)

La Redakcio